★ **Albergo Villa Nazareth -** Matenmanĝo inkluzivita

| | |
|---|---|
| 1-lita ĉambro (banejo koridore) | 35,00 € |
| 2-lita ĉambro (banejo privata koridore) | 30,00 € |
| 2-lita ĉambro (banejo enĉambra) | 40,00 € |
| 3-lita ĉambro (banejo privata koridore) | 26,00 € |
| 3-litaĉambro (banejo enĉambra) | 37,00 € |
| 4-lita ĉambro (banejo privata koridore) | 25,00 € |
| 4-lita ĉambro (banejo enĉambra) | 28,75 € |
| 5-lita ĉambro (banejo privata koridore) | 28,75 € |

★ **Hotel Marta -** matenmanĝo ne inkluzivita (4,00 €)

| | |
|---|---|
| 1-lita ĉambro kun lavujo, sen banejo | 35,00 € |
| 1-lita ĉambro kun banejo | 45-50 € |
| 2-lita ĉambro kun lavujo, sen banejo | 25-30 € |
| 2-lita ĉambro kun lavujo kaj duŝejo | 27,50-32,50 € |
| 2-lita ĉambro kun banejo | 32,50-35 € |
| 2-lita ĉambro (geedza lito) kun banejo | 32,50-35 € |
| 3-lita ĉambro kun banejo | 42,50-47,50 € |

★ **Hotel Porta Cavana** - matenmanĝo inkluzivita

**Reĝustigo!**

| **Hotel Portacavana /Centra domo** | | **Dependance - Via S. Michele 9** | |
|---|---|---|---|
| 1-lita ĉambro sen banejo | 40-45 € | 1-lita ĉambro, banejo en koridoro | ekde 35 € |
| 1-lita ĉambro kun banejo | **50-60 €** | | |
| 2-lita ĉambro kun banejo | **37-48 €** | 2-lita ĉambro, banejo en koridoro | ekde 30,00 € |
| 3-lita ĉambro kun banejo | 34-40 € | | |
| 4-lita ĉambro kun banejo | 32,50-40 € | 2-lita ĉambro kun banejo | ekde 32,50 € |

| **Dependance Via Diaz, ĉambroj kun banejo en koridoro** | | | |
|---|---|---|---|
| 1-lita ĉambro | 30,00 € | 3-lita ĉambro | 25,00 € |
| 2-lita ĉambro | 25,00 € | 4-lita ĉambro | 25,00 € |




# *Provizora Programo*

## *61a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio*

## *Triesto, 23-29 majo 2009*

| | | |
|---|---|---|
| Sabato 23/05/09 | 09.00-19.30 | Akceptejo - ĉe Imperia Salono, Centra Stacidomo |
| | 16.00-17.00 | Sidejo de TEA - IFEF-estraro kaj LKK |
| | 19.00-22.30 | Kongresa Centro - Mara Stacidomo - Interkona vespero |
| Dimanĉo 24/05/09 | 09.00-19.00 | Akceptejo - informbudo - libroservo |
| | 10.00-12.00 | Inaŭguro, komuna fotado |
| | 14.30-16.00 | Faka Komisiono |
| | 14.30-15.30 | Prelego pri Triesto |
| | 16.00-18.00 | Renkonto kun….. |
| | 20.30-….. | Triesta vespero |
| Lundo 25/05/09 | 09.00-12.00 | Komitatkunsido ne publika |
| | 09.00-11.00 | Ĉiĉeronado tra la urbo - itinero N° 1 - Ĉ1 |
| | 09.30-10.45 | Prelego pri historia Fervojo en Triesto |
| | 10.00-13.00 | Poŝta giĉeto (porokaza stampo) |
| | 11.00-12.30 | Prezento de libro/aŭtoro |
| | 14.30-16.00 | Prelego pri Regiono Friulo-Julia Venetio |
| | 15.00-18.00 | Vizito de la Fervoja Muzeo Campo Marzio (A-B-C-grupoj) |
| | 19.00-23.00 | Eblaj bankedo kaj dancvespero (anoncotaj) |
| Mardo 26/05/09 | 09.00-12.00 | Plenkunsido publika |
| | 14.30-18.00 | Vizito de Kastelo de Miramare (D1) |
| | 15.00-16.30 | Prelego pri Komputila vortar-programo (R. Bolognesi) |
| | 16.45-18.30 | Prelego pri itala literaturo |
| | 20.00-21.00 | Orgena Koncerto en la Preĝejo B. Virgulino de l'Rozario |
| Merkredo 27/05/09 | 09.00-18.00 | Tuttaga ekskurso al Aquileia-Grado (TE1) |
| | 09.00-18.00 | Tuttaga ekskurso al Udine-Cividale (TE2) |
| Ĵaŭdo 28/05/09 | 09.00-12.00 | Ĉefa Fakprelego kaj fervojaj novaĵoj |
| | 09.30-11.30 | Ĉiĉeronado tra la urbo - Itinero N° 1 - Ĉ2 |
| | 14.00-17.30 | Kunsidoj:<br>1) Fervojaj novaĵoj (14.00-15.30)<br>2) Movadaj aferoj (15.30-16.30)<br>3) La 62ª IFK sin prezentas (16.30-17.30) |
| | 15.00-17.15 | Ĉiĉeronado tra la urbo - Itinero N° 2 - Ĉ3 |
| | 18.30-19.45 | Teatro kun Giuliano Turone |
| Vendredo 29/05/09 | 09.00-12.00 | Faka komisiono |
| | 09.00-12.30 | Vizito de la Kastelo de Duino (D2) |
| | 09.15-11.00 | Prelego pri fervoja temo |
| | 11.15-12.30 | Renkonto kun ….. |
| | 15.00-16.00 | Fermo de la 61ª IFEF-Kongreso |
| | 16.15-... | Adiaŭaj salutoj kaj ĝisrevidoj |

# Ĝeneralaj instrukcioj

1. Ĉiu partoprenanto bonvolu plenigi kaj sendi apartan aliĝilon kaj por la kongreso kaj por la postkongreso al la adreso de LKK. Ankaŭ familianoj sendu apartan aliĝilon.
2. Skribu majuskle kaj preslitere aŭ tajpe, donante ĉiujn petitan detalojn.
3. Sendu la pagon, nur en eŭroj, al la indikita bankokonto de la LKK. **Oni traktos la aliĝon nur post alveno de la pago.**
4. Se vi pagas por alia persono, kiu nepre devas sendi apartan aliĝilon, menciu precizajn informojn pri la koncerna persono (nomo, lando, adreso).
5. Kongreskotizo ne estas repagebla, senkonsidere ĉu la aliĝinto ne povas partopreni la kongreson pro propra volo aŭ pro iu ajn ekstera kaŭzo. Ceteraj antaŭpagitaj sumoj estos repageblaj post la depreno de 10% por administrado, kondiĉe ke LKK ricevu la malmendon antaŭ la 15a de aprilo 2009.
6. LKK havas la rajton rezervi pli alt-kategorian ĉambron, se tiuj, en la mendita kategorio, elĉerpiĝis antaŭ la alveno de la mendo.
7. **LKK akceptas la ĉambromendon, nur kiam unu tranoktado estos pagita.** LKK traktos la ĉambromendon sengarantie, se ĝi alvenos post la 1-a de aprilo 2009.
8. LKK konfirmos la ricevojn de aliĝilo kaj pago per sendo de konfirmletero, kiu estos la persona legitimilo. Nepre ĝin kunportu al la kongreso. La kongreskarton oni ricevos dum la registrado, ĉe la alveno. La kongreskarton oni ne rajtas vendi, nek transdoni, nek interŝanĝi.
9. Bonvolu noti pro via intereso, kion vi mendis kaj pagis.
10. **LKK havas la rajton ŝanĝi la prezojn, se inflacio aŭ ceteraj ne antaŭvideblaj kondiĉoj devigos tion.**
11. Tiuj kiuj planas partopreni la postkongresan programon, jam per ĉi aliĝilo bonvolu mendi la koncernajn tranoktojn. Tiuj kiuj deziras plilongigi sian restadon je la samaj hotelkostoj, bonvolu tion aldoni.
12. La prezo de tuttaga ekskurso kaj postkongresa programo inkluzivas transporton, enirbiletojn kie necesas, kaj tagmanĝon, sed ne tranoktadon kaj vespermanĝojn.
13. Por ĉiĉeronado tra la urbo, bv. elekti inter la tri proponoj (vd. la programon).

La reloj kunligas la landojn,




Esperanto la popolojn

# Aŭtuna estrarkunsido de IFEF en Bologna

Inter 30/10 kaj 02/11 okazis la aŭtuna estrarkunveno en belega kaj fama urbo Bologna. Partoprenis ĉiuj estraranoj, la ĉefkomitatano kaj la anstataŭanto de ĉefkomitatano de IFEF.

Bologna estas ĉefloko de samnomaj Komunumo (ĉ. 400mil enloĝantoj), Provinco (ĉ. 950mil) kaj de la Regiono Emilia Romagna (ĉ. 5.200mil).

Ĝi situas centre de teritorio piede de la montaro Appeninoj, ĉernire inter nordo kaj mezo de la botforma lando.

La urbo Bologna jam ekzistis en la fera epoko (X-a jc. a.K.) kiel grava interŝanĝa centro inter la kontinenta Eŭropo kaj Mediteraneo. Dum VI-a - IV-a jc. a.K. estis la etruska epoko; tiam la urbo nomiĝis Fèlsina. Poste regis la gaŭloj ĝis la jaro 191 a.K., kiam la nomo estis Bonònia. Unu post la alia sekvis la romia komunumo, bizanca influo, longobarda kaj franka okupado. Ekde la jaro mil, Bologna estis jam sendependa urbo, kiam en 1088 fondiĝis la unua universitato en Eŭropo. Mezepoke ĝi estis fiera komunumo, kun vigla kaj riĉa vivo. En 1506 Bologna iĝis la dua urbo (post Romo) de la Papa Ŝtato dum tri jarcentoj. De 1796 ĝis 1815 ĝi apartenis al la Napoleonaj Ŝtatoj. Post la ribeloj en 1831 kaj 1848, ekde 1859 la urbo iĝis parto de la Itala Reĝlando, de 1946 Respubliko.

El la malnovaj urboj (etruska-romia) restas nur iuj arkeologiaj aĵoj (stratoj, muregoj, teatro, ponto, tomboj, subtera akvedukto ankoraŭ nun funkcianta). El la mezepokaj urboj restas 4 pordegoj kaj iuj pecoj de la unua interna murego (XII-a jc.) kaj 10 pli eksteraj pordegoj kun murpecoj (XIII-a ĝis XIV-a jc.). Mulnombraj restas ankaŭ turoj kaj tiamaj konstruaĵoj.

Ekster la malnova urbomuro konstruiĝis modernaj loĝdomoj, larĝaj stratoj kaj multaj parkoj. Tie estas modernaj fabrikoj, industriaj uzinoj, foirejoj, administrejoj, sed la novaj kvartaloj gardas la atmosferon kaj tradicion de la malnova urbo.

Bologna estas grava kaj vigla trafika, turisma nodo. La ĉefaj vojoj kruciĝas en ĝi, pro tio en la urbo mem estas senĉesa trafiko, spertita ĉiutage dum la restado. Ankaŭ la fervojlinioj disbranĉiĝas al pluraj direktoj. Ni vizitis la stacidomon, kie nun daŭras laboregoj por la AV trajntrafiko sub la tero.

La partoprenantoj de la estrarkunsido estis loĝigitaj en la ĉarma hoteleto „Villa Imelda" en la urbeto Idice, apud Bologna. La hoteleton funkciigas dominikanaj fratinoj. Ĉie estas ordo, pureco, silento, ege taŭgaj por ripozi kaj kunsidi. La bongustajn manĝaĵojn pretigis la monaĥinoj, kiuj ofte preparis italajn kuirspecialaĵojn.

Nur koncize priskribeblas la diversajn interesajn ekskursojn.

Kelkhora ekskursado montris al ni la urbeton Dozza, en kiu estas malnova impona fortikaĵo; la loko famas pro la murpentraĵoj, kiuj ĉiun duan jaron pliiĝas. Sekvis vizito al parko kaj Vilao Aldrovandi-Mazzacorati iom marĝene de Bologna, en kiu somere loĝis riĉaj nobeluloj.

En 1763 ili konstruigis interne belegan etan teatron kun scenejeto kaj multaj

skulptaĵoj, kie la nobeluloj mem estis la aktoroj, eĉ la aŭtoroj.
Sabato ni estis en la amikeca Urbo, en kiu estas ruĝaj brik-konstruaĵoj, senfinaj vicoj de arkadoj, mallarĝaj stratetoj, antikvaj, historiaj palacoj, enhavriĉaj preĝejoj kaj monumentoj, ne nombreblaj restoracioj kaj vendejoj.
Unue ni estis en la fama Palaco Archiginnasio, kie ekde 1563 ĝis 1802 funkciis la famega Universitato. Ene estas murpentritaj sep mil blazonoj, estas skulptaĵoj kaj belegaj ŝtuparejoj, koridoroj, klasĉambroj kaj eĉ du grandaj salonoj (*aula magna*).
Tie ekzistas ankaŭ historia anatomia salono (*teatro*), kies muroj, de la planko ĝis la plafono, havas lignajn kovraĵojn, kun lignaj skulptaĵoj de famaj kuracistoj, de konstelacioj, de senhaŭtigitaj homaj korpoj.
Ankaŭ en la du grandaj legadsalonoj troveblas multaj multkoloraj blazonoj, skulptaĵoj pri mondfamaj homoj, okazintaĵoj kaj legendoj. Ja en la domo instruis sennombraj scienculoj.
Ekde 1839 tie funkcias belega kaj riĉa biblioteko kun multaj ne anstataŭigeblaj kaj valoraj libroj eĉ manuskriptoj. Ĉiĉeronis por ni s-ano kaj IFEF-ano d-ro Lanfranco Bonora, kiu tie deĵoris.
Poste ni revenis al la Placo Maggiore, la koro de Bologna. Tie troveblas multaj famaj domoj: Palaco Re Enzo, kie restis mallibera la filo de la Imperiestro Friedrich la II-a; Palaco Podestà, antikva administra sidejo, kun renesancaj fasado kaj kolonegoj; Palaco Notai, jama sidejo de unu el la multaj mezepokaj gildoj, tiu de la notarioj; Palaco Banchi, kie multaj bankoj funkciis. La plej fama kaj granda konstruaĵo estas Palaco Comunale, alinome Palaco d'Accursio, kun pompa pordego, arkitekturoj de la XIII-a jc., inter kiuj ogivaj arkadoj kaj fenestrojn. Sur la fasado estas la statuo de la Papo Gregoro la XIII-a, tiu de la nuna kalendaro.
En 1390 la Urbo decidis konstrui „la plej grandan bazilikon de la mondo". Parto de la ambicia revo efektiviĝis pri San Petronio; sed iom post iom stariĝis nur la tri navoj, ne la transepto. La baziliko mezuras 132 x 57,70 x 44,25 m.
Sur ĝia planko ni povis admiri pri la „Meridiana Linio"-n, la plej longa en la mondo interne de konstruaĵo, kiu estis kaj estas ne nur suna horloĝo, sed ĉefe mirinda scienca instrumento, realigita en 1655 de la juna astronomo Giandomenico Cassini. La inteligentaj kaj zorgaj projektado, konstrukciado, la rigoraj, diligentaj kontroloj kaj utiligoj dum la tempo permesis obteni sciencajn rezultojn kaj konfirmojn, kiuj tiuepoke estis entute kaj tutmonde gravaj. La e-anoj de IFEF, estis tie ĝuste je tagmezo kiam la lumradio kovris la linion de la instrumento.
Posttagmeze ni vizitis la sidejon de „Dopolavoro Ferroviario", lokita en verda parko, kie akceptis nin la ĉefoj de DLF, la itala FISAIC-sekcio, al kiuj ni priskribis niajn agadojn. Ili prezentis la rezidejon de la organizaĵo, la klubejojn de la fervojistaj pentristoj kaj de la fervojmodelistoj kaj la vojaĝagentejon.
Je la fino, la gastigantoj donacis al ni memoraĵon, kaj ili regalis nin en agrabla kafejo.

Daŭrigante la urboviziton ni eniris en la Baziliko San Francesco kie ni plezuriĝis ĉe la marmora altaro, kiun en 1286 skulptis du veneziaj fratoj. En la urbocentro ni rigardis ankoraŭ la belegan Fontanon de Neptuno (1565), kun kvar skulptaĵoj (Gango, Nilo, Amazono, Danubo). Sekvis interna vizito de Palaco D'Accursio, kie estas belaj ŝtuparoj, freŝkataj salonoj, artaj muzeoj, moderna biblioteko kaj *media* -teko, ktp.

Ni vizitis la bazilikon Sankta Stefano, kie enestas sep preĝejoj. Ankaŭ estis interesaj la famaj kliniĝantaj Du Turoj de la XII-a jc. La Turo Asinelli estas 98 m alta, kaj dekliniĝas 120 cm. Ĝi viziteblas ĝis la pinto grimpante 498 ŝtupojn. La Turo Garisenda estas 47 m alta, sed dekliniĝas ĝis 322 cm.

Dum la tutsabata estrarkunsido ni pritraktis la tagordpunktojn. Unue la antaŭpreparan laboron de la sekvonta 61-a IFK de Triesto. La estraro sciiĝis la raporton pri la bona evoluo de la antaŭprepara laboro; poste ĝi pritraktis kaj modifis la enhavon de la finjara cirkulero. Ekzameniĝis la eblecojn de la venontaj IFK: en 2010 okazos la 62a en Bulgario, eble en Sofio; en 2011 en Ĉeĥio, en Liberec, en la nova kongresa centro „Babilon”. Traktiĝis pri la agado de la Faka Komisiono, pri la honorigoj, pri la financaj kaj redaktoraj aferoj. Oni longe analizis la situacion en kelkaj landoj, kie estas daŭrigaj problemoj, mankas mono, ĉar malaltiĝas la membronombro.

En la kadro de la eksteraj rilatoj mi raportis pri la 93-a UEA-kongreso en Roterdamo (19-26/07/2008), kie okazis la fervojista kontaktkunveno. Eble estas kunlaboraj eblecoj kun aliaj fakaj asocioj, simile kiel kun UMEA. Pri la FISAIC-temoj ni analizis la efikon de la ŝanĝo de la FISAIC-estraro, kaj niajn taskojn por plibonigi la rilatojn kun FISAIC en ĉiuj landoj. Fine ni decidis pri la printempa estrarkunveno, kiu okazos kadre de la Franca Fervojista E-Kongreso en Plouneuor-Menez, Bretonio (27/03-01/04/2009).

Vespere s-ano Gianni Orsini, kiu mem produktas diversajn violonojn, detale prezentis la materiojn, la laborprocezojn, kaj poste li kaj la edzino Giorgia amikeme gastigis nin.

En la lasta mateno de la estrarkunveno Vito Tornillo prezentis videofilmon pri la grandrapida trajntrafiko, kies temo estos la ĉefprelego de la 61-a IFK. Poste ni iom promenadis en Bologna, kaj post la komuna tagmanĝo en la fervojista restoracio la plejmultaj partoprenantoj forveturis.

Poste Jean Ripoche, Rodika Todor, Vito, Romano kaj Elisa vizitis la Bazilikon de San Luca, kunligita al la Urbo per portiko kun 666 arkaĵoj, 3,5 km-ojn longa kaj sekve la maŭzoleon dediĉita al la mondfama inventisto de la radio, nome la bolonjano Guglielmo Marconi, kie azarde ĉeestis samtempe ankaŭ lia filino kun lia nepo. Poste ili estis ĉe Vito en lia hejmo sur la montetoj.

Fine mi ŝatus danki al nia prezidanto la belegajn travivaĵojn en Bologna, kiu kun la edzino Elisa bone kaj perfekte zorgis pri nia restado. Sed ankaŭ dankojn al Vito Tornillo, Gianfranco Tomba, Gianni Orsini kaj Lanfranco Bonora, kiuj helpis por bona sukceso. □

*(István Gulyás) (resumis RoBo)*

## Detti Latini
## *Latinaj dirajôj*

**Magna Charta**

*la grande carta.* Si riferisce alla Costituzione concessa da Giovanni re d'Inghilterra ai Baroni nel 1215. Si usa per indicare un proclama, uno statuto, un documento fondamentale di una società, di uno stato, di una corrente di pensiero.

*la granda ĉarto*. Oni aludas al la konstitucio konsentita de Johano, reĝo de Anglujo, al la Baronoj en 1215. Oni uzas ĝin por indiki proklamon, statuton, fundan dokumenton de societo, ŝtato, pensmaniero.

**Maiora premunt**

*spingono cose più grandi.* Si dice quando urgono cose di ben maggiore importanza.

*pli gravaj aferoj urĝas.* Oni diras tion, kiam nepras aferoj multe pli gravaj.

**Mens sana in corpore sano**

*mente sana in un corpo sano*. Si dice per evidenziare la perfetta armonia e interdipendenza tra la parte fisica e psichica di una persona.

*menso sana en korpo sana*. Oni diras tion por montri la perfektajn harmonion kaj kunligitecon inter la fizika kaj la psika homaj partoj.

**Modus vivendi**

*modo di vivere.* Si dice di una sorta di temporaneo accomodamento tra due parti in contrasto, in vista di una futura composizione definitiva.

*vivmaniero*. Oni diras tion pri portempa konsento inter du kontraŭstaraj partioj, intence al estonta fina akordiĝo.

**Mors tua, vita mea**

*la tua morte è la mia vita.* È il detto dell'opportunista che ricava vantaggio dalle disgrazie degli altri.

*via morto estas mia vivo*. Tiu estas la dirajô de oportunisto, kiu eltiras avantaĝo el alies malfeliĉoj.

**Motu proprio**

*di propria volontà* (*iniziativa).* Decisioni prese dalle autorità in modo autonomo. Così si chiamano alcuni documenti pontifici.

*de sia propra volo (iniciato)*. Aŭtoritatulaj aŭtonomaj decidoj. Tiel nomiĝas iuj papaj dokumentoj.

**Mutatis mutandis**

*cambiato ciò che è da cambiare*. Facendo le debite proporzioni, aggiustamenti, precisazioni, il senso del discorso non cambia.

*modifante modefiajôjn.* Farante la nepraj proporciojn, alĝustigojn, precizigojn, la parolenhavo ne sanĝiĝas.

**Non decet**

*non è decente (sconveniente)*. Riguardo a cosa o detto inopportuno, indicibile.

*ne dece (hontinda)*. Pri afero aŭ diro malinda, maldeca.



Ricevinte la lastan "ITALA FERVOJISTO - Informa Bulteno"-n, dankis/gratulis/reagis: *Annarosa Andrei, Marica Brletic, Enriko Borgatti, Renato Corsetti, Antonio De Salvo, Silvia Garnero, Dimitrie Janicic, Pierre Jegueneau, Sylviane kaj Henry Lafargue, Ladislav Lani, Sen LI, Diccon Masterman, Roy McCoy, Jan kaj Lene Niemann, Bora Simovic, Andrea Sochurek.*

# Rimoj

## A Zacinto

Né più mai toccherò le sacre sponde
ove il mio corpo fanciulletto giacque,
Zacinto mia, che te specchi nell'onde
del greco mar da cui vergine nacque

Venere, e fea quelle isole feconde
col suo primo sorriso, onde non tacque
le tue limpide nubi e le tue fronde
l'inclito verso di colui che l'acque

cantò fatali, ed il diverso esiglio
per cui bello di fama e di sventura
baciò la sua petrosa Itaca Ulisse.

Tu non altro che il canto avrai del figlio,
o materna mia terra; a noi prescrisse
il fato illacrimata sepoltura.

*(Ugo Foscolo)*

## Al Zakinto

Ne plu retuŝos mi la bordon sanktan,
kie la korp' de mi knabeto sidis,
mia Zakint', en mar' vin spegulanta
de l' Grekoj, kiu la naskiĝon vidis

de Venus', junulino, fekundanta
tiujn insulojn, kiam ŝi ekridis;
kaj vian belon laŭdis verso kanta
de l' viro, kiu l' akvojn jam priskribis

fatalajn, kaj diversan la ekzilon,
kial de fam' kaj malfeliĉo ĉarma
kisis Ulis' l' Itakan grundon ŝtonan.

La kanton nur vi havos de la filo,
patrina mia land', la fat' ordona
volas, ke estu nia tomb' senlarma.

*(Trad. Umberto Broccatelli)*

## San Martino

La nebbia a gl'irti colli
piovigginando sale,
e sotto il maestrale
urla e biancheggia il mar;

ma per le vie del borgo
dal ribollir de' tini
va l'aspro odor de i vini
l'anime a rallegrar.

Gira su' ceppi accesi
lo spiedo scoppiettando:
sta il cacciator fischiando
su l'uscio a rimirar

tra le rossastre nubi
stormi d'uccelli neri,
com'esuli pensieri,
nel vespero migrar.

*(Giosuè Carducci)*

## Sankta Martena tago

Suriras hirtajn montojn
nebul' gutante pala
kaj sub blovad' mistrala
kriegas ŝaŭma mar'.

Sed en vilaĝaj stratoj
el la bolantaj tinoj
odoras akre vinoj
konsol' por homa far'.

Turniĝa rostpikilo
kraketas sur la ŝtipoj
kaj fajfas tra la lipoj
ĉasisto dum la star'

ĉeporda, rigardante
forflugi birdojn nigrajn
samkiel pensojn migrajn
vespere, tra l' nubar'.

*(trad. Gaudenzio Pisoni)*

## La quiete dopo la tempesta

Passata è la tempesta:
odo augelli far festa, e la gallina,
tornata in su la via,
che ripete il suo verso. Ecco il sereno
rompe là da ponente, alla montagna;
sgombrasi la campagna,
e chiaro nella valle il fiume appare.
Ogni cor si rallegra, in ogni lato
risorge il romorio,
torna il lavoro usato.
L'artigiano a mirar l'umido cielo,
con l'opra in man, cantando,
fassi in su l'uscio; a prova
vien fuor la femminetta a còr dell'acqua
della novella piova;
e l'erbaiuol rinnova
di sentiero in sentiero
il grido giornaliero.
Ecco il Sol che ritorna, ecco sorride
per li poggi e le ville. Apre i balconi,
apre terrazzi e logge la famiglia:
e, dalla via corrente, odi lontano
tintinnio di sonagli; il carro stride
del passegger che il suo cammin ripiglia.

Si rallegra ogni core.
Sì dolce, sì gradita
quand'è, com'or, la vita?
Quando con tanto amore
l'uomo a' suoi studi intende?
o torna all'opre? o cosa nova imprende?
quando de' mali suoi men si ricorda?
Piacer figlio d'affanno;
gioia vana, ch'è frutto
del passato timore, onde si scosse
e paventò la morte
chi la vita abborria,
onde in lungo tormento,
fredde, tacite, smorte,
sudar le genti e palpitar, vedendo
mossi alle nostre offese
folgori, nembi e vento.

O natura cortese,
son questi i doni tuoi,
questi i diletti sono
che tu porgi ai mortali. Uscir di pena
è diletto fra noi.

Pene tu spargi a larga mano; il duolo
spontaneo sorge: e di piacer, quel tanto
che per mostro e miracolo talvolta
nasce d'affanno, è gran guadagno. Umana
prole cara agli eterni! assai felice
se respirar ti lice
d'alcun dolor: beata
se te d'ogni dolor morte risana.

*(Giacomo Leopardi)*



## La kvieto post la tempesto

Forpasis la tempesto.
La birdoj faras feston; la kokino
revenas sur la vojon,
ripeti siajn versojn. La sereno
el okcident' trarompas al montaro.
La kampoj senombriĝas,
tra val' ekbrilas la river' en klaro.
Gajiĝas ĉiu kor', de ĉie venas
bruado; la kutiman
laboron hom' reprenas.
La metiist', kun laboraĵ' en mano
el dom' eliras kante
por ekrigardi pri l' ĉiel' humida,
kaj virinet' rapida
elvenas, ekĉerpante
akvon de l' pluvo nova.
Vendisto de legomo

iras de dom' al domo
kaj vokojn ekripetas.
Kaj jen, la sun' revenas kaj ridetas
sur villojn kaj montetojn. Jam apertas
la famili' balkonon kaj terason;
de la landvojo oni aŭdas fore
sonoriletojn; veturilo knaras:
haltinta pasaĝer' daŭrigas pason.

Gajiĝas ĉiu koro.
Kiam pli dolĉas ĝoje
al viv' ol tiafoje?
Kiam al la laboro
la hom' kun pli da amo sin removas,
daŭrigas, novan provas?
kaj malpli rememoras la ĉagrenon?
Sed ja aflikto naskis ĉi serenon,
ĉi vantan ĝojon: frukton
de l' tim' pasinta, kiam treme timis
eĉ tiu de la morto,
kiun la vivo tedas,
kaj kiam en turmento
froste, pale, sen vorto
ŝvitis la homoj treme, en atendo
de la atak' ekscesa
de fulmoj, nub' kaj vento.

Ho vi, natur' kompleza!
Jen via dono nura,
Jen la plezur' donata
al mortemuloj. Ĉeso de doloroj:
en nia sent' plezura.

Ĉagrenojn ŝutas vi larĝmane; sponte
venas doloro, kaj la ĝojo eta,
kiun kelkfoje la doloro naskas
mirakle, estas ega gajn'. Homgento!
kara al eternuloj! Kun feliĉo

vi post la liberiĝo
el la dolor' ekspiras, kaj beatas,
se l' mort' vin tute savas de turmento.

*(Trad. Kaloman Kalocsay)*

| **Soldati** | **Soldatoj** |
| --- | --- |
| Si sta come | Ni 'stas kiel |
| d'autunno | aŭtune |
| sugli alberi | sur l' arboj la |
| le foglie | folioj |
| *(Giuseppe Ungaretti)* | *(Trad. Giorgio Silfer)* |

**S. Martino del Carso**

Di queste case
non è rimasto
che qualche
brandello di muro.

Di tanti
che mi corrispondevano
non è rimasto
neppure tanto.

Ma nel cuore
nessuna croce manca.

È il mio cuore
il paese più straziato.

*(Giuseppe Ungaretti)*

**Sankta Marteno de l' Karsto**

El tiuj domoj
neni' postrestis
krom kelka murfalintaĵo

El multaj
kun mi amkorespondaj
eĉ ne postrestis
tia malmulto

Enkore tamen
nenia kruco mankas

Ĉi koro estas
la land' plej turmentita

*(Trad. Gaudenzio Pisoni)*

# Humuro

*Viaggiatori*

Mentre tre amici attendono in stazione un altoparlante annuncia: - Il treno per *** ha un ritardo di un'ora.
Essi decidono di andare al bar per bere una bottiglia di vino.
L'annuncio viene ripetuto per informare di un ritardo di due e poi di tre ore.
Essi continuano a chiaccherare e bere fino ad essere un po' ubriachi.
Quando infine arriva il treno sono un po' distratti e devono correre, ma, non troppo sicuri sulle gambe, inciampano e solo due riescono a prendere il treno.
Infatti il terzo è caduto sul marciapiede e tuttavia comincia a ridere irrefrenabilmente.
Un ferroviere, osservando le sue condizioni, gli chiede la causa di quello strano comportamento ed egli fra le risate risponde: - Ero io che dovevo partire, essi mi avevano solo accompagnato per salutarmi…

*Vojaĝantoj*

Dum tri amikoj atendas en stacidomo, laŭtparolilo anoncas: - La trajno al *** malfruas unu horon!
Ili decidas viziti la trinkejon por gustumi botelon da vino.
La anonco ripetiĝas atentigante pri du kaj poste pri tri hora malfruo.
Ili daŭrigas babili kaj trinki ĝis ili fariĝas iom ebriaj.
Kiam fine la trajno alvenas ili estas iom distritaj kaj devas kuri, sed, ne tro certaj sur la kruroj, ili iom stumblas kaj nur du el ili sukcesas trafi la trajnon. Fakte la tria estas falinta sur la kajon kaj tamen li ekridegas nereteneme.
Fervojisto, vidante liajn kondiĉojn, demandas lin pri tiu stranga konduto kaj li, inter multaj ridoj, respondas: - Estis mi la veturonto, ili nur akompanis min por saluto…

———

*Orario*

Amichetto al figlio del capostazione:
- Quando parte il treno per Roma?
- Quando mio babbo fischia…

*Horaro*

Amiketo al la filo de la staciestro:
- Kiam forveturas la trajno al Romo?
- Kiam mia patro fajfas…

———

*Biglietti*

Dopo il controllo dei biglietti, un viaggiatore con furbizia dice agli altri:
- Mio figlio viaggia gratis!
- Non ha ancora l'età?
- No, si è nascosto sotto il sedile!

*Biletoj*

Post la biletkontrolo, vojaĝanto ruzeme diras al la aliaj:
- Mia filo veturas senpage!
- Ĉu li ankoraŭ ne atingis la aĝon?
- Ne, li kaŝis sin sub la sidbenkon!

———

*Orario*

In una piccola stazione, il capostazione avverte un viaggiatore in attesa:
- Il treno delle 12,00 oggi non si fermerà qui.
- Ma da quando? la fermata è prevista nell'orario!
- Da quando ho prestato 100 euro al macchinista…

*Horaro*

En iu malgranda stacio, la staciestro avertas atendantan sinjoron:
- La trajno de la 12,00 horo hodiaŭ ne haltos ĉi tie.

- Sed ekde kiam? la halto estas enlistigita en la horarlibro!
- De kiam mi pruntedonis 100 eŭrojn al la lokomotivisto…

———

*Amiche*

- Perché quest'anno fai le vacanze con tuo marito?
- Perché il medico mi ha prescritto assoluto riposo.

*Amikinoj*

- Kial ĉi-jare vi somerumas kune kun via edzo?
- Ĉar la kuracisto preskribis al mi absolutan ripozon.

———

*Amiche*

- Ieri ho incontrato tuo marito per strada, ma non mi ha vista.
- Sì, lo so, me lo ha detto!

*Amikinoj*

- Hieraŭ mi renkontis vian edzon surstrate, sed li ne vidis min.
- Jes, mi scias, li diris tion al mi!

———

*Amici*

- Ho scoperto un ottimo ristorante dove si mangia benissimo a prezzi favorevolissimi. E, pensa, alla fine del pranzo viene sorteggiata fra i clienti una notte d'amore al piano di sopra!
- E tu sei mai stato sorteggiato?
- No, io no, ma mia moglie già tre volte!

*Amikoj*

- Mi malkovris bonegan restoracion, kie oni manĝas tre bonguste je prezoj ege favoraj. Kaj, imagu, fine de la manĝo oni lotumas tutamoran nokton inter la klientoj, je la supra etaĝo!
- Ĉu vi iam esti lotelektita?
- Ne, mi ne, sed mia edzino jam tri fojojn!

*Reclami*

In una modesta trattoria c'è un cartello ben visibile che dice: "Per qualunque reclamo, rivolgersi a mio genero.
P.S.: Lui impartisce anche lezioni di pugilato. Il proprietario".

*Plendoj*

En modesta manĝejo pendas sur muro bone legebla afiŝo, kiu diras: "Por ĉiuj plendoj turnu via al mia bofilo.
P.S.: Li donas ankaŭ lecionojn pri boksado. La mastro".

———

*Padri*

Un uomo, agitatissimo, telefona alla maternità, e dice:
- Mia moglie sta per avere un bambino...
- È il suo primo figlio? - gli chiedono dall'altra parte.
- No, no, io sono il marito...

*Patroj*

Viro, tre ekscitita, telefonas al akuŝhospitalo kaj diras:
- Mia edzino baldaŭ naskos infanon…
- Ĉu estos por vi la unua filo? Oni demandas lin.
- Ne, ne, mi estas la edzo…

———

*Interessi*

Un uomo che ha bisogno di denaro si rivolge ad un usuraio che pretende un interesse del 5% per ogni giorno d'inverno e del 10% per ogni giorno d'estate.
- Sa, gli dice, - d'estate le giornate sono molto più lunghe…

*Interesoj*

Sinjoro, kiu bezonas monon sinturnas al uzuristo, kiu postulas intereson je 5% potage dumvintre kaj 10% potage somere.

- Vidu, li klarigas, - somere la tagoj multe pli longas…

———

*Amore*

Un ricco signore diceva ad una leggiadra ragazza:
- Lei non immagina quanto pagherei per un amore disinteressato …

*Amo*

Riĉulo diris al ĉarmulino:
- Vi ne imagas, kiom mi pagus al vi por nobla amo ...

———

*Convinzioni*

- Credimi: io non credo a niente!

*Konvinkoj*

- Kredu min: mi kredas nenion!

———

*Domestiche*

- Perché hai lasciato la famiglia Verdi?
- Per un vaso rotto.
- Solo per questo?
- Si. l'ho rotto sulla testa della padrona.

*Servistinoj*

- Kial vi forlasis la familion Verdi?
- Pro rompo de vazo.
- Nur pro tio?
- Jes, mi rompis ĝin sur la kapon de la mastrino...

———

*Pappagalli*

Un pappagallo si presenta al direttore di un teatro che sta per mettere in scena un adattamento de "L'isola del Tesoro" di Stevenson.
- Mi dispiace, gli dice, - ma il ruolo del pappagallo del pirata è già stato assegnato.
- Capisco, replica l'animale, - ma ha pensato però a fornirgli un suggeritore?

*Papagoj*

Papago prezentiĝas al direktoro de teatro, kiu post ne longe enscenigos adaptiĝon de "La Trezorinsulo" de Stevenson.
- Mi bedaŭras, li diras al ĝi, - sed la rolo de la papago de la pirato jam estis asignita.
- Mi komprenas, respondas la besto, - sed ĉu vi tamen ne pensis disponigi al ĝi sufloron?

———

*Insetti*

Una formica invita a cena una coccinella e un millepiedi. La coccinella arriva puntuale. Il millepiedi invece arriva tutto sudato con tre ore di ritardo.
- Scusatemi, dice mortificato, - ma all'entrata c'era scritto: "Pulirsi i piedi prima di entrare".

*Insektoj*

Formika invitas por vespermanĝo kokcinelon kaj miriapodon. La kokcinelo alvenas akurate. La miriapodo anstataŭe alvenas tre ŝvitante kun tri horoj da malfruo.
- Pardonu min, ĝi diras humiligita, - sed ĉe la eniro estis skribite: "Purigu la piedojn antaŭ ol eniri".

———

*Maiali*

- Non domandarmi il perché, ma da quando è stato scoperto il colesterolo cattivo, la durata della nostra vita si è allungata notevolmente.

*Porkoj*

- Ne demandu min la kialon, sed de kiam oni malkovris la malbonan kolesterolon nia vivodaŭro konsiderinde plilongiĝis.

———

# Diversaĵoj

*Dal salumiere*

- Questo prosciutto è una favola!
- No, no, mi dia il solito. Mi piacciono le cose vere, non le favole!

*Ĉe porkaĵvendisto*

- Tiu ĉi ŝinko estas fabelo!
- Ne, ne, donu al mi la kutiman: Mi ŝatas la veraĵojn, ne la fabelojn!

———

*Saggezza*

La Bibbia dice che "c'è più gioia nel dare che nel ricevere". Parole sacrosante, specialmente per... i pugili.

*Saĝeco*

La Biblio diras ke "estas pli da ĝojo donante ol ricevante". Pravegaj vortoj, ĉefe por … boksistoj.

———

*Economia*

Anche le imprese funebri sono costrette ad aumentare i costi dei loro servizi per colpa del... caro*vita*…

*Ekonomio*

Ankaŭ la funebrentreprenoj estas devigataj plialtigi la kostojn de iliaj servoj pro … kareco de *vivo*kostoj.

———

*Menzogne*

Cercate di non dire mezze verità o addirittura bugie, che si dimostrano poi incredibilmente faticose: richiedono una memoria di ferro ed una serie di "allacci" ad altre situazioni all'inizio imprevedibili.

*Menzogoj*

Klopodu ne diri duonverojn aŭ eĉ menzogojn, kiuj poste montriĝas nekredeble lacigaj: ili postulas feran memorkapablon kaj serion de "alligoj" al aliaj situacioj komence ne antaŭvideblaj.

———

*Evoluzione - Evoluado*

Le tappe dello sviluppo della specie umana dai primi ominidi ad oggi, secondo gli ultimi dati scientifici:

La evoluaj etapoj de la homa specio de la unuaj homidoj ĝis hodiaŭ, laŭ la lastaj sciencaj datumoj:

*Pithecanthropus erectus, Australopitecus, Sinanthropus pekinensis, Homo neanderthalensis, Homo sapiens, Homo sapiens sapiens, Homo... scemens.*

———

*Parlamentari*

In Parlamento, le sedute che trovano sempre tutti d'accordo e che risultano ovviamente le più brevi, sono quelle dedicate all'aumento di stipendio degli stessi parlamentari.

*Parlamentanoj*

En la Parlamento, la seancoj kiuj vidas ĉiujn konsentaj kaj kiuj ja estas pli mallongaj, estas tiuj dediĉitaj al la salajraj plialtigoj por la parlamentanoj mem.

———

*Ventriloqui e politici*

Differenza tra un ventriloquo e certi politici: il primo parla senza aprire la bocca, gli altri riescono a stare sempre a bocca aperta senza mai dire niente.

*Ventroparolantoj kaj politikistoj*

Diferenco inter ventroparolanto kaj iuj politikistoj: la unua parolas ne malfermante la buŝon, la aliaj ĉiam kapablas resti kun malfermita buŝo dirante nenion.

———

*Candidati*

Onestà, moralità, coscienza ... Parole un po' fuori moda che stanno scomparendo anche dalla bocca dei candidati in tempo di elezioni.

*Kandidatoj*

Honesteco, moraleco, konscienco … Vortoj iom ekstermodaj, malaperantaj eĉ ĉe la buŝoj de la kandidatoj dum balota periodoj.

---

*La legge è uguale per tutti*

Nulla mai cambierà nel mondo politico: per gli avversari si applicheranno rigorosamente le leggi, per gli amici si... interpreteranno.

*La leĝoj egalas por ĉiuj*

Nenio neniam ŝanĝiĝos en la politika mondo: por la kontraŭuloj oni rigore aplikos la leĝojn, por la amikoj oni … interpretos ilin.

---

*Lo S(s)tato*

Lo Stato *** è composto di una moltitudine di stati e staterelli. Ad esempio: lo stato interessante (oggi in netto declino), lo stato di emergenza (negato sistematicamente dagli “addetti ai lavori”), lo stato di calamità (sempre pronto ad essere invocato per spillare soldi), lo stato di ubriachezza (stazionario), lo stato di diritto (che non riesce ad andare d’accordo con) lo stato di fermo (molto popolato, anche se i primi responsabili si rifiutano stoicamente di entrarvi), lo stato di incoscienza (dove nessuno si rende conto di quello che bolle in pentola, ma continua tranquillamente ad abbuffarsi), e infine lo stato civile (che dovrebbe riguardare tutti i cittadini, ma all’atto pratico, chi sa perché... vai e vedi...).

*La Ŝ(s)tato*

La *** Ŝtato konsistas el multaj ŝ(s)tatoj kaj ŝ(s)tatetoj. Ekzemple: graveda stato (hodiaŭ en dekliniĝo), urĝbezona stato (sisteme neata de la “laborkoncernatoj”), katastrofa stato (ĉiam alvokata por elsuĉi monon), ebriema stato (senŝanĝa), laŭjura stato (kiu ne kapablas konsenti kun) provizor-aresta stato (tre popolata, ankaŭ se la ĉefaj responsuloj stoike rifuzas eniri ĝin), nekonscia stato (kie neniu scias pri kio okazas en la poto, sed trankvile daŭras sin plenŝtope manĝegi), kaj fine civitana statuso (kiu devus koncerni ĉiujn loĝantoj, sed, praktike, kiu scias kial … iru kaj vidu …).

---

*I politici*

I governanti e gli amministratori pubblici diventano sempre più professionali. Prevedono ciò che accadrà domani, la prossima settimana, il prossimo mese e l’anno che verrà. Così, scaltri, più tardi, ci spiegheranno perché non è accaduto.

*La politikistoj*

La regantoj kaj la publikaj adminstrantoj iĝas pli kaj pli profesiaj. Ili antaŭvidas kion okazos mogaŭ, venontajn semajnon, monato kaj jaro. Tiel, ruze, poste, ili esplikos al ni kial tio ne okazis.

---

*Sicurezza*

Nel nostro “liberissimo” paese non si sta al sicuro neanche in galera, pensate se si può esserlo circolando da liberi cittadini; figurarsi poi da persone perbene.

*Sekureco*

En nia “liberega” lando oni ne estas sekuraj eĉ en malliberejo, pripensu ĉu tio eblas cirkulante kiel liberaj civitanoj; imagu al vi ĉu kiel bonmoraj personoj.

---



## Pruvèrbi bulgnîś

Äl côren äli én cunpâgna i dént, ch'i dan fastîdi quand i dspónten mo dåpp i ajûten a magnèr...
Äl cunftûr än s dan brîśa ai ninén.
Al cunfurtadåur an i dôl la tèsta.
Al dé ed San Bendàtt (21.03) as cgnoss al väird dal sacc.
Al dé ed San Martén (11.11) as tramûda i bon vèn.
Al dé ed San Simån (28.10) cäva i bû d in tal timån e mélt la vànga int al bastån.
Al dièvel l é fûrb parché l é vèc'.
Al gâl al canta d'in vatta al'aldamèra.
Al lavàzz zîga drì ala padèla: *fàt in là, che t um ténż.*
A luśåur d candaila an tôr brîśa mujêr né cunprèr taila.
Al månd al stà in trai cóś: fèr, dsfèr e dèrla d intander.

## Proverboj bolonjaj

Kokritaĵoj estas kiel la dentoj, kiuj ekkomence ĝenas, sed poste ili helpas manĝi.
Sukermigdalojn oni ne donu al porkoj.
Konsolanto neniam havas kapdoloron.
Je Sankta Benedikta tago oni scias pri verdaĵoj kaj sekaĵoj.
Je Sankta Martena tago oni transverŝas la bonajn vinojn.
Je Sankta Simona tago malmetu la bovojn el timono kaj metu la ŝpaton sur stangon.
La diablo estas ruza ĉar li maljunas.
Koko kantas sur sterkejo.
Terakotaĵo plendas al pato: *foriru por ke vi ne nigrigu min*.
Je kandellume ne edziĝu nek tolon aĉetu.
La mondo konsistas el tri aferoj: fari, malfari, kaj onin konvinki.

## Proverbi regionali

Un amico bottegaro: ti fa pagar più caro. (Lazio)
La scienza fa impazzire se non regge saggezza. (Toscana)
Il più sciocco parla sempre per primo. (Calabria)
Se i sapienti non sbagliassero mai, non ci sarebbe posto per gli sciocchi. (Emilia Romagna)
Una madre aiuta a cento figli, cento figli non aiutano una madre. (Puglia)
Bisogna adattarsi alle circostanza: mangia pane se manca la pietanza. (Piemonte)
Una predica è come nebbia: il tempo non cambia. (Toscana)

## Proverboj regionaj

Komercisto amiko: pli altpreze li vin pagigas. (Latio)
Scienco freneziĝas se saĝo ne regas. (Toskanio)
La plej stulta ĉiam parolas unue. (Kalabrio)
Se saĝuloj neniam erarus, ne estus loko por nesciuloj. (Emilio Romanja)
Patrino helpas cent filojn, cent filoj ne al patrino. (Apulio)
Necesas adaptiĝi al cirkonstancoj: manĝu panon se mankas riĉaj pladoj. (Piemontio)
Prediko estas kiel nebulo: la vetero restas sama. (Toskanio)

# Aforismoj pri lingvoj

Il pieno apprendimento di una lingua avviene nell'infanzia, durante una ben precisa "finestra" formativa.

*Plena lerno de lingvo okazas dum infanaĝo, dum preciza formanta "fenestro".*

Steven Pinker

Auguro all'Esperanto un compito di civilizzazione simile a quello del latino nell'età media.

*Mi bondeziras al Esperanto civilizan rolon, same kiel tiu de la latina mezepoke.*

Pio XII

La grammatica non è altro che stilistica congelata.

*Gramatiko estas nenio alia ol frostigita stlistiko.* Leo Spitzer

Se gli uomini hanno avuto bisogno della parola per imparare a pensare, essi hanno avuto ancora più bisogno di saper pensare per trovare l'arte della parola.

*Se la homoj bezonis la parolon por lerni pensi, ili eĉ pli bezonis scii pensi por trovi la parolarton.*

Jean Jacques Rousseau

La comune sottomissione ad una forma d'espressione, che non può essere identificata con nessuna singola unità nazionale, ha molte probabilità di diventare uno dei più poderosi simboli della libertà dello spirito umano che il mondo abbia sinora conosciuto.

*La komuna submeto al esprimformo, kiu ne povas esti identigita kun neniu unuopa nacia unio, povas iĝi unu el la plej potencaj simboloj de la libereco de la homa spirito, kiun la mondo konis ĝis nun.*

Edward Sapir

I sacrifici che l'Esperanto richiede agli uomini sono così piccoli ed i risultati che se ne possono trarre così grandi, che non ci si può trattenere dal fare questa prova.

*La penoj, kiujn Esperanto postulas estas tiel malgrandaj kaj la rezultoj, kiujn oni povas obteni tiel grandaj, ke oni ne povas deteni fari tiun ĉi provon.* Lev Tolstoj

L'arbitrarietà del segno linguistico è l'accoppiamento totalmente convenzionale tra un suono e un significato.

*La arbitreco de lingva signo estas la kunigo entute konvencia inter sono kaj signifo.*

Ferdinad de Saussure

Stati Uniti e Gran Bretagan - due stati divisi dalla stessa lingua.

*Usono kaj Granda Britio - du ŝtatoj apartigitaj per la sama lingvo.*

George Bernard Shaw

La parola distingue l'uomo dagli animali; il linguaggio distingue le nazioni fra loro.

*La parolo distingas la homon de la bestoj, la lingvo distingas la naciojn inter si.*

Jean Jacques Rousseau

Sperare non è sognare, ma è la capacità di trasformare un sogno in realtà.

*Esperi ne estas revi, sed ĝi estas la kapablo transformi revon al realo.*

Leon J. Suenes

Sono un uomo di speranza, perché so che la mia storia è piena di meraviglie.

*Mi estas homo de espero, ĉar mi scias ke mia historio estas plena de mirindaĵoj.*

Leon J. Suenes

La diversità delle lingue è una delle più gravi disgrazie della vita.

*La malsimileco de la lingvoj estas unu el la plej grandaj malfeliĉoj de la vivo.*

# En Placo Sankta Petro

Ni varme regratulas la s-anojn, kiuj tre persiste kaj vigle agadas okaze de la tagoj de Kristnasko kaj Pasko, por la tre grava diskonigo en mond-televido de la naŭ grandaj paneloj kun la skribo "ESPERANTO", dum la papaj salutoj en pli ol sesdek naciaj idiomoj, inter kiuj nia Lingvo Internacia.

# GIOCO DI PAROLE = *VORTLUDO* - 23

C h i a v e = *Slosilo* (9, 5, 2, 4): Grava faka agad-grupo

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| U | I | C | F | I | T | O | C | I | A | S | I | F | R |
| I | U | T | J | I | I | E | I | N | G | O | R | E | A |
| A | G | I | M | A | A | I | S | I | Ĝ | O | L | N | D |
| P | R | I | M | A | R | A | U | M | I | A | O | I | O |
| A | O | A | L | C | O | K | A | E | J | T | S | M | R |
| N | R | R | B | I | A | R | A | S | N | T | S | E | A |
| E | O | K | E | A | B | A | O | E | I | O | E | K | L |
| O | L | C | L | U | B | R | I | K | A | D | O | I | U |
| J | P | T | O | A | O | L | O | A | E | L | B | O | K |
| A | M | I | D | L | K | E | R | J | A | A | O | M | I |
| K | A | C | N | R | U | I | O | I | N | D | S | E | N |
| R | R | F | R | E | K | R | G | O | N | E | A | K | U |
| A | O | I | C | A | T | S | F | O | J | A | T | S | F |
| V | U | O | L | A | N | G | I | S | M | R | A | L | A |

Cerca e riquadra con la matita ogni parole nella lista, in orizzontale, verticale, diagonale, in tutte le direzioni. Alcune lettere sono comuni a più parole. Quelle restanti, lette in ordine, formano la chiave definita.

*Serĉu kaj ĉirkaŭlimigu per krajono ĉiujn vortojn enlistigitajn horizontale, vertikale, diagonale, al ĉiuj direktoj. Diversaj literoj estas komunaj en kelkaj vortoj. La restintaj, legataj laŭorde, formas la difinitan ŝlosilon.*

Akraj, Alarmsignalo, Akira, Aldo, Alo, Araba, Arka, Bano, CIT, COTIF, Distiko, Ejo, Emi, Fia, FISAIC, Funikularo, Ingo, Klakigo, Kliento, Libroj, Ligi, Loĝi, Lubrikado, Ondo, Paneo, Por, Primara, Rado, Ramplo, Ree, Relajso, Rulo, Semi, Skemo, Stacio, Stajo, Taso, TEN, Tiaro, UIAP, UIC, UIMC, UIRR, Umi, USIC, Varkajo.

*Solvo de la lasta numero, 22a vortludo: VOLAPUKO, IDO, INTERLINGVO*
Soluzione dell'ultimo numero, 22°: VOLAPUKO, IDO, INTERLINGUA

## Kolofono


**ITALA FERVOJISTO**

**IL FERROVIERE ITALIANO**

***Informa Bulteno*** - *Itala Fervojista Esperanto-Asocio (IFEA)*
*Landa asocio de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio)*
*Dulingve redaktita (itale kaj esperante)*

**Bollettino di informazione**
Associazione Italiana Ferrovieri Esperantisti (IFEA)
Membro Federazione Internazionale Ferrovieri Esperantisti (IFEF)
Redatto bilingue (italiano e Esperanto)

***Redaktejaj adresoj***



*Romano Bolognesi*
✉ Via Misa 4, IT-40139 Bologna
☎ ++39 051 547247
💻 <co16919@iperbole.bologna.it>

*Vito Tornillo*
✉ Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte S. Pietro BO
💻 <vitorni@virgilio.it>



*Lingva kontrolo* - Gianfranco Tomba
*Senpage al la membroj* - Gratis ai membri
*Memprintita* - Stampato in proprio
*Sesmonata/neregula* - Semestrale/non regolare

**I.F.E.A.**: *Prezidanto*: Pasquale Ceci
*Sekretario/Redakcio*: Romano Bolognesi
*Kasisto*: Sergio Negroni
*Redakcio/Komitatano/Fakkomisionano*: Vito Tornillo
*Aliaj estraranoj*: Renzo Battistella, Renzo Mantovan, Agostino Mantovani, Enrico Molesini
*Revizoroj*: Lanfranco Bonora, Lorenzo Castelvetri, Gianfranco Tomba
*Probi viri*: Gino Corso, Emanuele Franchi, Angelo Facchinelli

*I.F.E.A. PoŝtĉekKonto:* N-ro 14782403
*ĉe* Romano Bolognesi, Via Misa 4
IT-40139 Bologna

*UEA-konto*: robo-r

*Apermonatoj*: junio, decembro (laŭeble)

*Redaktofino*: 10/05, 10/11

www.dlfbo/esperanto.it - www.ifef.net


## Leggere l'Esperanto

L'Esperanto è una lingua molto armoniosa, degna di essere letta con l'esatta fonologia. Per facilitare i non esperantisti, ecco ***tutte*** le regole al riguardo

☆ La **pronuncia** è facile: l' **accento tonico** (la pausa della voce) cade sempre **sulla penultima vocale** (sottolineata negli esempi)

☆ L' **alfabeto** è formato da 28 lettere:

**a,b,c,ĉ,d,e,f,g,ĝ,h,ĥ,i,j,ĵ,**
**k,l,m,n,o,p,r,s,ŝ,t,u,ŭ,v,z**

☆ Le **vocali** sono cinque: **a e i o u**

L'Esperanto si pronuncia come si scrive e si scrive come si pronuncia; ogni lettera ha un suono, ad ogni suono corrisponde una lettera
Le lettere si pronunciano come in italiano, tranne le seguenti, che suonano:

- **c** — **sorda, come la *z* di *palazzo* (palaco)**
- **ĉ** — **palatale, come la *c* di *felice* (feliĉa)**
- **g** — **gutturale, come il gruppo *gh* di *ghisa* (giso) o *g di gas* (gaso)**
- **ĝ** — **palatale, come la *g* di *villaggio* (vilaĝo)**
- **h** — **aspirata leggera (herbo); pronunciarla sempre!**
- **ĥ** — **aspirata forte (ĥolero), come il gruppo *ch* tedesco (*bach*)**
- **ĵ** — **sibilante, circa come *sg* di *disgelo*; meglio la *j* francese (*jour*)**
- **k** — **gutturale, come il gruppo *ch* di *chilo* (kilo) o *c di cassa* (kaso)**
- **s** — **sorda, come la *s* di *sale* (salo)**
- **ŝ** — **sibilante, come il gruppo *sc* di *sceriffo* (ŝerifo)**
- **z** — **sonora, come la s di *musica* (muziko)**
- **j-ŭ** — **sono considerate consonanti e suonano come *i* e *u* brevi nelle parole italiane gaio (gaja) e feudo (feŭdo)**

*Ni semas kaj semas, konstante.*

La reloj kunligas la landojn,




Esperanto la popolojn